

# Esperanto Hamburg

Hamburga Esperanto-Societo r. a.
Esperanto-Verein Hamburg e.V.

Aprilo / Majo (2) 2011

# Printempo en Hamburg

apud la *Galerio de Nuntempo*

Foto: B. Klehr


**ESPERANTO HAMBURG** ehh

**Eldonanto:** Hamburga Esperanto-Societo r. a.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str.95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
n-ro: 200 67 16 500
BLZ 430 609 67



**Prezidantino:**
*Kerstin Baasch*
Scharpenmoor 74 e
22848 Norderstedt
baasch@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 431 8 83 47
klehr@esperanto-hamburg.de


## Karaj legantoj,

ĉe ni nun komenciĝis printempo, kiu kutime alportas bonan humoron kaj esperon al la homoj.
En tiu ĉi jaro bedaŭrinde multaj homoj suferas pro diversaj katastrofoj:
Unue en Japanio okazis tertremo de neniam antaŭe mezurita forto; al tiu tertremo sekvis cunamo en same nekonata formo; kvazaŭ ne sufiĉus ĉio ĉi, la atomcentralo en Fukuŝimo eksplodis en pluraj blokoj, ĉar la pumpoj ne plu funkciis.
En Japanio, kie oni kutimis vidi diferencon inter „bona“ kaj „malbona“ atomenergio, la homo nun komencas pridubi la uzadon de ĝi. En Germanio, kie dum pli ol 30 jaroj homoj demonstracias kontraŭ atomenergio, la politikistoj momente konfuze turniĝas por trovi novan pozicion: Antaŭ nelonge la registaro per leĝo plilongigis la tempon de plua uzado de la centraloj, nun okazas moratorio trimonata por demandi ekspertojn. Mi mem plej miras pri *Horst Seehofer*, la ĉefo de la konservativa *CSU*. Li postulas kompletan forigon de atomenergio.
En Japanio, laŭ lastaj informoj, ĉiuj esperantistoj travivis. Mi deziras al ĉiuj Japanoj baldaŭan reboniĝon de la situacio.

*Benno Klehr*

La kunvenoj de

**Hamburga Esperanto-Societo**

okazas en la

*Kultur-Butiko*




**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**

## Sentenco

**Ni ne heredis la mondon de niaj gepatroj, sed ni pruntepreni ĝin de niaj infanoj.**

*Jane Goodall*

**Redaktofino**
**de n-ro 3/2011: 15-05-11**

**Redaktofino**
**de n-ro 4/2011: 15-08-11**

**Redaktofino**
**de n-ro 5/2011: 15-10-11**

# I HAMBURG

**Per anglalingva slogano la urbo Hamburg prezentas sin kiel *European Green Capital 2011*. Tamen ankaŭ por alilingvanoj la temo *Verda Ĉefurbo* estas interesa.**
Apud la stratoj de Hamburg staras 250.000 arboj, inter kiuj estas 57.000 tilioj; folio de tilio fariĝis la simbolo por la evento. Hamburg estas grandurbo kun 1,78 milionoj da enloĝantoj – tamen 40% de la areo estas verdaĵoj kaj pli ol 8% eĉ estas naturprotektaj rezervejoj.
Tio estas pli ol en aliaj federaciaj landoj. La Hamburga pejzaĝo estas multfaceta: marĉo, erikejo, folia kaj pingla arbaro, herbejo, vadejo, sablejo, apud-akva arbaro kaj aliaj.



**Kaprimulgoj** Foto: Vikipedio

En la protektitaj rezervejoj vivas cervoj kaj vespertoj, kreskas multaj protektindaj plantoj. Multaj, parte maloftaj bestoj vivas tie: Ekzemple en la nordo nestas gruoj, tre fuĝemaj birdoj, en la sudo kaprimulgoj, rara speco de noktaj birdoj kaj en oriento vivas amasoj da bufoj kaj aliaj amfibioj.



Foto: Kerstin-Nimmerrichter/pixelio.de




**Informejo antaŭ la ĉefa stacio**

Foto: Behörde für Stadtentwicklung und Umwelt

## Bona Espero ree viglas post la fajro



La granda fajro, okazinta en la ĉirkaŭaĵo de *Bona Espero* en Brazilo, kelkloke atingis ĝis nur dekmetra distanco de la konstruaĵoj, sed estis sukcese haltigita. 77-jara brazila esperantisto, kiu helpis kontraŭbatali la incendion, estis ĉirkaŭita de la flamoj kaj vundita, sed ne grave. „Jam pasis pli ol du semajnoj de la okazaĵo, alvenis multaj mesaĝoj de solidareco, kaj ankaŭ la unua pluvo“ rakontas *Ursula Grattapaglia* (sur la foto kun infanoj). Nun bonvenus financa helpo por aĉeti novajn betonajn barilfostojn anstataŭ la forbrulintaj lignaj, kaj fortaj manoj por helpi restarigi la multkilometran pikdratan barilon ĉirkaŭ la granda tereno. „Sciu, ke jam la ŝoko pasis, la unua pluvo post monatoj da seka periodo helpas verdigi la kampojn. Ni dankas anticipe por ĉies solidara helpo!“

*Fonto: Libera Folio*

## Kuraĝa hundo



Foto: Plank/Wikimedia

*Jack*, usona *Jack-Russel-terhundo*, pelis pumon sur arbon. La nur ok kilogramojn peza hundo volis forpeli la 68 kilogramojn pezan rabobeston de farmdomo en la ŝtato *Suda Dakoto*. „La hundo kutime postĉasas katojn“, diris la farmisto *Chad Strenge* al la gazeto *The Argus Leader*; „Jack ĉi-foje verŝajne supozis, ke la pumo estus ordinara kato.
Laŭ liaj eldiroj *s-ro Strenge* prenis ĉaspafilon por peli la pumon el la arbo kaj pafmortigi ĝin. Pumo-eksperto *Jonathan Jenks* klarigis, ke ĉasistoj kutime bezonas du ĝis tri ĉashundojn por peli pumon sur arbon.

Laŭ Süddeutsche Zeitung tradukita de Marianne Borchert

---

## Moneroj de 3 Eŭroj

ekzistas en Slovenio
Foto:
www.emuenzen.de/



## Dizel-hibridaj busoj

**La novaj dizel-hibridaj busoj en Hamburg estas la unuaj en Germanio, kiuj havas serian propulsadon per kiu eblas veturi plurajn kilometrojn nur pere de la baterio.**

La nocio *hibrido* indikas ke en dizel-hibridaj busoj funkcias du malsamaj energi-rezervujoj (baterio de litiaj jonoj kaj ujo por dizel-oleo) kaj du motoroj (elektra kaj dizela). La dizela motoro en seria hibrido nur estas uzata por produkti elektron, kaj ne plu por rekte propulsi la veturilon.

La plej grava avantaĝo de la hibrido-tekniko estas la ebleco regajni energion per la bremsado (rekuperado) – kaj buso en urba trafiko ofte devas bremsi.

La motoro de tiu nova generacio de veturiloj havas multe pli kompaktajn dimensiojn ol aliaj busoj: La cilindraĵo havas 4,8 litrojn anstataŭ 12 litroj kaj la pezo estas 450 kilogramoj anstataŭ unu tuno.

Tiu malgrandigo de la motoro, la funkciado en optimuma rotacia rapideco kaj la rekuperado ebligas konsiderindan ŝparon de brulaĵo kaj sekve malaltigon de $CO_2$ produktado. La nova motoro superas la leĝan normon de EU.

## Mediprotekta konkurso

La metrolinioj en Hamburg konsistas el tri sendependaj sistemoj. La unuaj urbaj fervojoj jam estis konstruitaj en la 19a jarcento por ligi la urbocentron kun la ĉirkaŭaj loĝlokoj de la laboristoj de la kreskantaj industrio kaj haveno. El tiuj suburbaj fervojoj evoluis du sistemoj: la elektre funkciigata *S-Bahn* kaj la dizela *AKN* en la periferio de la urbo. En 1906 estis ekkonstruita la sistemo de *U-Bahn*. Momente ekzistas 3 Linioj kun 89 stacioj, en konstruado estas *U*-linio al la nova kvartalo en la *Havena Urbo*. Dum la pasintaj jaroj ankaŭ estis konstruita nova *S*-linio al la flughaveno. Krome oni planas novan tramolinion en la kvartaloj Winterhude kaj Bramfeld. Per 40 kilometroj da novaj linioj Hamburg eniris la konkurson pri la titolo *Verda Ĉefurbo*. En la modernaj elektraj trajnoj estas uzataj regeneraj bremsoj, kiuj reproduktas elektron dum bremsado kaj ŝargas apudtrakajn akumulatorojn. Tiel eblas ŝpari elektron. Paralele la urbo subvencias sistemon de lueblaj bicikloj kaj konstruas reton de biciklaj vojoj en la tuta urbo.




**Tiel povus aspekti tramo en Hamburg**
Foto: Volvo/pixelio.de

## Das Kulturkursprogramm des AStA der Uni Hamburg bietet ab 19. April wieder einen Esperantokursus an.

Esperanto ist keine geheime, oder Pidginsprache, sondern eine ganz normale. Die hauptsächlichen Unterschiede zu Nationalsprachen sind: Sie ist für die Kommunikation zwischen den Völkern gedacht, bei der alle die gleichen Vorteile genießen, will keine Muttersprache ersetzen und nimmt Rücksicht auf alle Kulturen.
Fremdsprachen zu lernen ist negativ besetzt, weil man in der Schule nicht darum herum kam, wenn man mehr wollte als nur den Hauptschulabschluss. Wer kennt schon das Erlebnis, dass das Sprachelernen Spaß macht, wenn man sich mit unregelmäßigen Verben und grammatikalischem Geschlecht nicht abquälen muss? Diejenigen, die Esperanto lernten.
In dem Kursus lernen wir die Strukturen der Sprache kennen, was man damit anfangen kann, ihre Geschichte und Kultur.
Weiterführender Unterricht wird im Esperanto-Verein Hamburg möglich sein.
Kurstermine ab 19.4. dienstags von 16 bis 18 Uhr
Kursdauer: 20 Zeitstunden (Lehrer: Frank Merla)
Kursgebühr: 29 Euro (für Studierende)
45 Euro (für Nicht-Studierende)

Anmeldung unter www.kulturkursprogramm.de



## Gasto el Brazilo

*Paulo Félix*, 27-jaraĝa studento pri beletro en la universitato de Fortaleza, la 27an de Januaro vizitis la Hamburgan klubon.
Fortaleza estas la ĉefurbo de la ŝtato *Ceará*.
*Cearaa Esperanto Asocio* (CEA), Esperanto-organizo de brazila subŝtato Ceará, komencis interŝanĝprogramon kun Germanio. Paulo Félix estas la unua vojaĝanto kiu venas kadre de tiu programo por prelegi en niaj kluboj. Li prezentis al la Hamburganoj filmon pri sia hejma urbo kaj la regiono – kie okazis la UK en 2002.
Pro la agrabla fakto, ke la nova granda salono en la kulturbutiko ne estis okupita dum tiu vespero, ni havis sufiĉe da spaco por la praktika prezentado de Kapoejro (Capoeira, brazila luktarto kaj vivofilozofio). Ĉiuj miris pri la lertaj akrobataj movoj, sed ne kuraĝis imiti ion. Nur *Eleni*, la malgranda filino de *Álvaro* montris, ke ŝi ankaŭ scipovas *flikflake* mansalti sur la planko.

*Benno Klehr*

# Hamburg-Enigmo



Kie en la urbocentro troviĝas tiu ĉi skulptaĵo? Ĝi ne staras en muzeo aŭ kirko, sed libere videbla en la muro de itala restoracio.







## Landa Ĝardena Ekspozicio Norderstedt

Emanuel-Geibel-Str. 1-3 • 22844 Norderstedt
Por orientiĝi: norde de Stonsdorf apud Schleswig-Holstein-Straße en Harksheide.

Inter la 21a de Aprilo kaj la 9a de Oktobro 2011 la Landa Ĝardena Ekspozicio Norderstedt atendas vizitantojn per tri spertindaj pejsaĝaj parkoj: arbara parko, lago-parko kaj kampara parko.
Sur antute 72 hektaroj estis plantitaj 121.000 arboj kaj centmiloj da floroj apud vojoj de proksimume 10 kilometroj tra la diversaj pejzaĝoj.
De Hamburg uzu metroon *U1* ĝis *Norderstedt Mitte.*

# Mitgliedsbeiträge 2011 des Esperanto-Vereins Hamburg e. V.

Bitte überweisen Sie den Mitgliedsbeitrag nun bis spätestens zum 31. März 2011 oder erteilen Sie dem Kassierer eine Einzugsermächtigung - z.B. durch Ausfüllen der entsprechenden Teile des Beitrittsformulars www.esperanto-hamburg.de/beitrittsformular.pdf .

Die jährlichen Beiträge betragen:

50 € - normale Mitgliedschaft / Personen mit Einkommen
25 € - Familienangehörige, Jugendliche, Mitglieder ohne eigenes Einkommen
12 € - Kinder und Jugendliche bis 16 Jahre

Kontoverbindung des Esperanto-Vereins Hamburg e.V.:
GLS Gemeinschaftsbank • BLZ 430 609 67
Konto Nr. 2006716500

Näheres siehe im informilo februaro / marto 2011

Gerald Roemer, kasisto

## Ĉielirtago, 2a de Junio

Ni renkontiĝas je 15.00a horo ĉe metrostacio *Horner Rennbahn* kaj komune iras al la Esperanto-arbo.
Ekde la 15.30a horo ni renkontiĝas en *Park-Haus*, do en la iama *Oase* ĉe kafo kaj kuko.
Bonvolu aliĝi ĝis la 25a de Majo ĉe Ralph Glomp.

# Interkultura kompetenteco

La 3an de Marto 2011 en la hamburga Esperanto-klubo okazis prelega laborrondo pri interkultura kompetenteco, kiun gvidis *Johanna Grünhagen.*



En la Germana lingvo ŝi prezentis la aspektojn de kunvivado de diversaj kulturoj en la moderna socio. La *Kulturbutiko* estis taŭga loko por tiu temo, ĉar tie ĉiutage renkontiĝas homoj el diversaj kulturoj. La referantino estas pedagogino kaj profesie okupiĝas pri la temo.
Ŝi montris al ni kelkajn ekzemplojn de diverseco en la konduto de homoj el diversaj kulturoj. Ekzistas grandegaj diferencoj, kiel homoj rigardas sin mem en la socio; ĉu ili vivas kiel individuo inter individuoj, aŭ kiel unu eta elemento de iu tuto. Nun, post la katastrofoj en Japanio ni fakte konstatis, ke homoj rigardas sin kiel parto de la socio, kiuj ne rajtas precipe pensi pri si mem, sed ĉiu devas servi al la socio en sia loko. Eŭropanoj miras pri tia konduto.
Tamen ekzistas multaj antaŭjuĝoj pri aliaj kulturoj, stereotipoj kutime ne estas pravigeblaj. Antaŭjuĝoj ekzistas en ĉiuj kulturoj, kaj ni povas lerni, fariĝi kompetentaj pri la temo.

*Benno Klehr*

# Havena Festo 2011

Kun triobla longeco de la hamburga urbodomo, preskaŭ la alteco de la preĝejo de *Mikaelo* kaj preskaŭ nesuperebla lukso sin prezentas unu el la plej grandaj kaj imponaj krozadŝipoj de la mondo: *Queen Mary 2.* Ĝi estas la sola trans-atlantika ŝipo kiu regule venas al Hamburg. Ankaŭ al la ĉijara havena festo (5–8 de Majo) ĝi venos. Sed al la festo ankaŭ venos aliaj ŝipoj, kiuj estas oftaj kaj ŝatataj gastoj. Speciale la rusaj fregatoj estas ŝatataj, ĉar ili permesas liberan vizitadon de la Hamburganoj. Dum la havena festo ĉeestos la velŝipoj *Kruzenŝtern* kaj *Mir*, kiu post la fino de Sovetunio sen mono estis kaptita en Hamburg – kaj la hamburganoj simple adoptis la ŝipon kaj zorgis por la maristoj el *Peterburgo*. Sed dum la havena festo estos spekteblaj multaj aliaj ŝipoj: *AIDAblue, AIDAcara, Dar Mlodziezy, Sedov, Amadea, Sea Cloud, J.R.Tolkien, Pedro Doncker,* la dogana ŝipo *Helgoland*, vaporŝipo *Scharhörn* kaj aliaj.




ŝipo ***MIR*** Foto: Patrick Wernhardt/Wikimedia

# Solvo de Hamburg-Enigmo



Pentraĵo de Christoffer aŭ Peter Suhr 1830.
Foto: www.hamburg.de

La skulptaĵo de la *Sankta Gertrude* troviĝas ĉe *Gertrudenkirchhof*.
Antaŭ la granda incendio en 1842 ĝi staris sur la ekstera korta muro de la kapelo, kiun la eklezio poste decidis ne rekonstrui.
La grundo kaj apudaj domoj estis vendita por financi novan kirkon en Hohenfelde.

www.st-gertrud-hamburg.de/kirche/geschichte.htm

# Mia penso

L. L. Zamenhof

Sur la kampo for de l' mondo,
antaŭ nokto de somero,
amikino en la rondo
kantas kanton pri l' espero.
Kaj pri vivo detruita
ŝi rakontas kompatante, —
mia vundo refrapita
min doloras resangante.

„Ĉu vi dormas? Ho, sinjoro,
kial tia senmoveco?
Ha, kredeble rememoro
el la kara infaneco?"
Kion diri? Ne ploranta
povis esti parolado
kun fraŭlino ripozanta
post somera promenado!

Mia penso kaj turmento,
kaj doloroj kaj esperoj!
Kiom de mi en silento
al vi iris jam oferoj!
Kion havis mi plej karan —
la junecon — mi ploranta
metis mem sur la altaron
de la devo ordonanta!

Fajron sentas mi interne,
vivi ankaŭ mi deziras, —
io pelas min eterne,
se mi al gajuloj iras...
Se ne plaĉas al la sorto
mia peno kaj laboro —
venu tuj al mi la morto,
en espero — sen doloro!



## Karin Lencki

17-11.1935 – 12.02.2011
Karin Lencki estis tre altiva en la movado:
Ŝi agadis ĉe fervojistoj, naturamikoj, GEA, LAMA,
gvidis kursojn kaj subtenis varbadon en Hamburg.
Ŝi restos en nia memoro.

# Ekskurso al Bremen 21a de Majo 2011

Ni ekveturos antaŭtagmeze en Hamburg per grupa bileto en trajno ĝis Bremen, kie ni tagmanĝos en restoracio (ĉiu pagas mem). Posttagmeze ni renkontiĝas kun Bremen-anoj kaj vizitos kaj rigardos la palacon *Schönebeck* kun gvidado. Poste ni promenados kune kun Esperanto-amikoj el Bremen tra la parko kaj trinkos kafon en esperantista rondo (ĉiu pagas mem). Pliaj informoj sekvos post via aliĝo.



**Schloss Schönebeck**
Foto: MiraculixHB/Wikimedia

**Speciala prezo por HES-membroj: €5,–**
por la vojaĝo kaj la enirbileto kun gvidado.
Bonvolu aliĝi ĉe Ralph Glomp per retletero glomp@esperanto-hamburg.de aŭ telefone: 040 - 68 91 36 63 aŭ dum klubvespero.
**Limdato por la aliĝo estas la 7a de Majo 2011.**




Polaj Esperantistoj okazigas je 12-22 de junio 2011 la 33an **ĈEBALTAN ESPERANTISTAN PRINTEMPON** kun riĉa kaj varia E-PROGRAMO.

www.esperanto.cba.pl/mielno.html




**18 - 23 JULIO 2011**

**Antaŭ la UK en Kopenhago vizitu la Eŭropan Verdan Ĉefurbon Hamburg!**
Pliaj informoj kaj aliĝo en la interreto:
www.esperanto-hamburg.de/hoso

Membroj de HES ankaŭ aliĝu kaj pagu € 10,–
Tiuj kiuj aliĝas antaŭ la 15a de Junio donace ricevos hamburgan memoraĵon.

# Nia Programo

Ĵaŭdaj klubvesperoj: 19.00 h • programo 19.30 h en Kulturladen St.Georg, Alexanderstr. 16, 20099 Hamburg

## Aprilo

**7** *Benno Klehr:* **Nia terura enigmo!**

**14** Filmo: „**Die Sprachen der Schweiz**“
(60 min.) – pri la lingvoj en Svislando

**19** **Kurso marde, 16a ĝis la 18a horo**
*Frank Merla:* Komencanta kurso laŭ „Gerda malaperis“, Pliaj informoj sur paĝo 3

**21** **Ovo-kunveno**
Ni laŭtlegas bibliajn tekstojn pri pasko.

**27** Merkredo, 18.30 h
**Estrarkunsido** (publika)

**28** *Horst Schickschneit*:
**Oriono, la giganto**

## Majo

**5** Diskussionsrunde:
**Mittel- und langfristige Zukunft des Vereins**

**8** **Eŭropa Tago en Norderstedt**
kun informstando pri Esperanto (Dimanĉo)

**12** **TV Esperanto Bjalistoko** (4)
Interesaj filmetoj profesie produktitaj antaŭ kaj dum la UK 2009 en la naskiĝurbo de Zamenhof. (ĉirkaŭ 45 minutoj.)

**14** **Sabato!** de la 14:30a ĝis la 17a horo
**Schnupperkurs en Norderstedt**
Aliĝo ĉe popolaltlernejo.

**19** *Benno Klehr:*
**Ekzercoj pri la Akuzativo**
laŭ *Edit Slezákné Tar*

**21** **Sabato!**
**Ekskurso al Bremen**
Pliaj informoj sur paĝo 5

**25** Merkredo, 18.30 h
**Estrarkunsido** (publika)

**26** *Pia Haasis:*
**La aktuala situacio en mez-oriento, ekzemple de Egiptio kaj ĝia influo sur nian vivon**

## Junio

**2** **Ĉielirtago**, ni komune festas
Ni renkontiĝas je 15.00a horo ĉe metrostacio Horner Rennbahn (elirejo *Am Gojenboom*).
Ek de la 15.30a horo ni renkontiĝas en *Park-Haus* ĉe kafo kaj kuko.
Bonvolu aliĝi ĝis 25a de Majo ĉe Ralph Glomp
glomp@esperanto-hamburg.de

**5** **Dimanĉo!**
**Esperanto-Renkonto en Prenzlau**
www.esperanto-nb.de

**11-13** **Germana Esperanto-Kongreso** en Münster

En *Esperanto Hamburg* estas uzataj fotoj de www.pixelio.de